# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**

https://translate.google.com/

**PLENUMITA 26/01/2017 Tricentsesa eldono (unua eldono 20/09/2011)**




Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



SENDATA AL 305. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Ekstudis pli ol **700,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Gramatika Ekzerco 5.



La bildo, la frazo, devas, kun kelkaj menciitaj naturaj esceptoj, konsisti el almenaŭ la Subjekto kaj la Predikato. Sed kelkaj predikatoj, kelkaj agoj, ne eblas sen speciala tria parto. Tiaj agoj nomiĝas Transitivaj Verboj. Oni ja ne povas ekzemple "manĝi" sen iu tria afero, la manĝaĵo. Kelkaj aliaj tiaj verboj estas preni, doni, komenci, fini, transiri, varmigi, diri, atendi, vidi, aŭdi, ŝanĝi, skribi, pentri, celi, elekti, postuli, trinki. Oni nomas tiun necesan ĉeaĵon la gramatika Objekto. En etnaj lingvoj oni ofte nomas ĝin la Rekta Objekto, ĉar ili havas, malsame kiel en Esperanto, ankaŭ Nerektan Objekton gramatikan. Ke la Transitivaj Verboj bezonas por ekzisti kaj uzati iun gramatikan Objekton ne signifas, ke tia verbo ĉiam ĉehavas ĝin, ne signifas ke en ĉiu frazo kun tia verbo troviĝas Objekto, ĉar ĝi kelkfoje estas nur subkomprenata aŭ tiom komuna ke ne necesas specifi ĝin. Ekz. "Ni baldaŭ manĝos" kaj "Ne interrompu nin, ĉar ni manĝas" kaj "Por vivi tiu insekto nur manĝas kaj trinkas". En Esperanto la konilo por la Objekto estas la finaĵo "-n".

Ni do trovis, ke la frazo povas konsisti el tri partoj, la Subjekto, la Predikato, kaj la Objekto. La frazo ne povas konsisti en Esperanto el pli ol kvar specoj de funkciado. La kvara speco ne faras la agon, do ne estas Subjekto, Ĝi ne indikas la agon, do ne estas Predikato, kaj ne necesas por la Transitiva Verbo, do ne estas Objekto. Sed ĝi povas esti iu ajn cirkonstanco kompletiganta la bildon de la aganto kun la ago kaj kun la priagato, do kompletiganta la frazon de Subjekto. Predikato, kaj eventuala Objekto. La kvara parto de la frazo konsistas el unu aŭ pli da tiaj cirkonstancoj, kiuj nomiĝas Adjektoj. Jen ekzemplo de frazo kun tri cirkonstancoj, kaj konsistanta el kvar partoj: "La birdo (= Subjekto) lavas (= Predikato) sin (= Objekto) en la akvo (= Adjekto) dum pluraj minutoj (= Adjekto) pro la varmego (= Adjekto).

Notu ke tia unu- aŭ du- aŭ tri- aŭ kvarparta frazo nomiĝas en lingvismo la (gramatika) Propozicio. (daŭrigota)

*Marcel Leereveld.*

# Brisbana Esperanto-Kongreso 2017




Sandor Horvath sendis fotojn de la kongreso en Brisbano. Jen la grupa foto
Jen la ligo al 250 fotoj de la kongreso. https://raevan.smugmug.com/Brisbana-Esperanto-Kongreso/n-PzgQQQ/

## Kongresimpresoj.



Tiuj gesamideanoj kiuj ne partprenis en la ĵusa brisbana kongreso kaj seminario certe maltrafis tre agrablan renkontiĝon de junaj, maljunaj, kaj interaj geesperantistoj. La atmosfero estis bonega, kaj tiu diverseco de aĝoj kaj de devenlokoj tre interesa. La grupo de francaj geesperantistoj estis internacie la plej granda.

Kortuŝis min la sincere varma amikemo de kelkaj malnovaj geesperantistoj kvinslandaj. Kompreneble mi ame reciprokis.

La dormĉambroj kaj la manĝaĵoj estis kontentigaj kaj tre proksimaj al la kunvenejoj, la ekskursoj valoraj, kaj la vetero varma kaj helpa.

La instruistoj tre bone preparis sian laboron, tiel tre kontentigante la lernantojn. Malpli da nacilingva konversaciado dum la neleciona tempo okazis ol en antaŭaj kongresoj. Pro bonega organizado ne troveblis momentoj de enuo kaj tempoperdo, kio en antaŭaj kongresoj ofte okazis. Ĉiu partprenanto evidente trovis ĉiun minuton de la naŭ tagoj interesa kaj plezura. Multaj partprenantoj kunlaboris per interesaj paroladetoj, malgraŭ ankoraŭa neflueco en la

lingvo. Espereble la kongreso/somerkursaro stimulis ilin pliperfektiĝi en Esperanto dum la venonta jaro. *Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Reklamu viajn klubkunvenojn en nia novaĵletero






**Ne sendita informo ne povus aperi en la novaĵletero.**

Ne raportitaj eventoj rapide velkos el historio kaj memoro

Sendu la informon al AE, la novaĵletero, rspring@tpg.com.au

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



## La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn je la 10atm.

Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da senpaga kafo

Sabaton, la 21an venis sep Esperantistoj



*Michael Peters, Jano Wylles, Chris Holliss, Mathew Smith, John Casey, Eunice Graham, Roger Springer*

★★★ Ni havis feliĉan renkontiĝon lastan sabaton ĉar la gradoj malaltiĝis kaj kompreneble oni sentis sin pli komforta.

Krom tio ni tre ĝuis bonvenigi du novulojn.

Mathew Smith, lingvisto, kiu flue parolas kelkajn lingvojn inkluzive Esperanton, kaj Michael Peters.

Li aŭdis prelegon pri Esperanto multajn jarojn antaŭe je Rotaria Klubo kaj nun decidis malkovri pli pri la lingvo.

Estis bona mateno. *Chris Holliss*

★★★ Saluton! Kaj dankon por hodiaŭ!

John, kiu ankaŭ ĉeestis, menciis al mi ke li havas liston de la 500 plej uzataj vortoj en Esperanto. (Ĝi troviĝas ĉi tie: http://www.esperanto-panorama.net/angla/vortaro.htm ).

John tamen bedaŭris ke la listo ankoraŭ ne ekzistas en vicordo de la anglaj literoj.

Mi estas kreinta la liston en ĉi tiu vicordo por li kaj por iuj ajn.

La liston vi trovas alligita al ĉi tiu retletero. Esperanto 500 most common words

Bonan tagon kaj denove dankon! Matthew Smith

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Oni Provis Novstilan Kurson



Dum la ĵusa kongreso de AEA oni provis novstilan kurson, kiun mi gvidis. La ĝenerala temo estis "historio", sed ĝi konsistis el du partoj.

Unu estis la historio de Esperanto, kaj la partoprenantoj mem prezentis preleg(et)ojn pri elektita temo (mi provizis materialon).

La dua parto estis "historio de la mondo", kaj baze mi prezentis prelegojn pri tre diversaj temoj, ekz. la lastaj nomadoj de Aŭstralio, la ekspedicio de Burke kaj Wills; la Nigra Pesto; la

urbo kun tri nomoj (Bizanco, Konstantinopolo, Istanbulo); la normanda invado de Anglio en 1066; kaj la mogola imperio en Hindio.
*Trevor Steele*

# la Norma Supera Ekzameno de AEA
# AE Gratulas Joanne Johns



Mi raportas kun plezuro, ke Joanne Johns sukcesis kun honoro ĉe la Norma Supera Ekzameno de AEA. Joanne rapide iĝas unu el niaj plej aktivaj kaj sukcesaj membroj.
*Amike, Trevor Steele*

# Miskono ante Esperanton.



Estas por ni, Esperantistoj, ofte malfacila, kontraŭpruvi la misajn aŭ eĉ stultajn opiniojn pri nia lingvo, elbojatajn de homoj kiuj nenion scias pri Esperanto kiel artefarita lingvo aŭ pri lingvoj ĝenerale. Ili neniam farus tion pri aliaj temoj, se ili ne konas tiujn temojn, sed pri Esperanto ili prenas tiun rajton, verŝajne pensante, ke ankaŭ ni nenion scias pri ĝi. Eĉ profesiaj lingvistoj kelkfoje agas tiel. Jen ekzemplo.

Antaŭ pluraj jaroj, kiam mi estis membro de profesia ekzamenkomitato por la lernejaj ekzamenoj en la klasikaj lingvoj, mi ĉeestis kunvenon de aŭstraliaj instruistoj de klasikaj lingvoj (Latino kaj la greka). Parto de la kunveno de sesdeko da tiaj instruistoj estis prelego de kanbera profesoro pri la beleco de la malnova greka gramatiko. Unu tia belaĵo estis la sistemo de ses participoj por la diversaj voĉoj gramatikaj. Klarigante tiun belegan sistemon la profesoro nedemandate menciis. ke tia bela sistemo ne ekzistas en aliaj lingvoj, eĉ ne en Esperanto. Ĉiuj devis kredi tion, ĉar tion diris la klera profesoro. Mi ne povis interrompi, ĉar ne ĉeestis tempo por demandoj. Sed en posta tago mi leterumis al li kaj klarigis, ke la sistemo de participoj en Esperanto estas simila al tiu de la greka, eĉ iom pli bela, ĉar Zamenhof kopiis la grekan. Do la profesoro respondis al mi, petante pardonon, ĉar li ne sciis tion. Konklude mi deduktis, ke eĉ specialistoj pri lingvoj diras sensencaĵojn pri Esperanto, senrajte kaj kredate. Tiuj sesdek instruistoj ja nun malĝuste scias, ke Esperanto estas malsuperaĵo.

Kion fari? Por nelingvismaj samideanoj estas ofte tre malfacila, refuti la kritikojn. Tial mi instruante ĉiam emfazas la perfektecon de Esperanto kompare kun etnaj lingvoj. Sed kelkfoje devas esti malfacila por nelingvistaj samideanoj pruvi la stultecon de la kritiko.

La afero malfacilas por mi, kiam troviĝas en Esperanto, aŭ en la Esperanto de miaj samideanoj, eraroj aŭ mallogikaĵoj aŭ esceptoj al la reguloj de Esperanto. Ekzemple al la profesoro mi ne klarigis ke, pro la eŭroplingvaj gramatikoj, Zamenhof erare kreis la pasivan voĉon per participoj adjektivaj anstataŭ verbaj. Aŭ mi estus devinta diri al li,

ke mi intertempe trovis Fundament'ecan manieron por krei tiujn participojn verbajn ("-ati" k.t.p.), kiujn oni nun komencas uzi. La fakto ke tre spertaj kaj influhavaj Esperantistoj precipe nuntempe uzas kaj konsilas erarajn gramatikaĵojn kaj esceptojn al la reguloj kaj la enkondukon de neologismoj anstataŭ aglutinaj vortkunmetaĵoj Fundament'ecaj. Tiu malseriozeco de la plejmulto de la nunaj Esperantologoj, inkluzive de la plejmulto de la Akademianoj, decidis ke eraroj kaj esceptoj pli bonas ol trakti Esperanton kiel perfektan lingvon, kiel la etnaj lingvoj estas por siaj parolantoj. Tio malfacilas por la kelkaj samideanoj kiuj deziras trakti Esperanton same serioze kiel etnajn lingvojn.

*Marcel Leereveld.*



**3ZZZ** Ne mistrafu la ĉijaran alvokon de Osiaka Taeko okaze de la Internacia Virina Tago en 2017 kaj aŭskultu intervjuojn de kelkaj ĉeestantoj de la Somerkursaro 2017 en Brisbane dank'al la elsendo de la 23a de Januaro kaj bonvolu ignori la teknikajn problemojn.





Informas la kunvokanto, *Franciska Toubale*

# Aŭstralia Tago 26a Januaro





